# INTERNACIA ĴURNALISTO n-ro 3/93

organo de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## Invito al TEĴA-membrokunveno

dum la 78a Universala Kongreso, Valencio, 24 - 31 julio 1993

**TEĴA invitas siajn membrojn al laŭstatuta kunveno; precizajn daton, horon kaj salonon bonvolu trovi en la kongres-libro. Ĉi-jare la kunveno ne devos trakti multajn formalaĵojn, tiel ke ni povos dediĉi espereble grandan tempon al la laborplano, por kiu dum la pasintjara kunveno en Vieno mankis tempo. La estraro decidis pri jena provizora**

### Tagordo

1. Malfermo kaj enkonduko fare de la prezidanto
2. Agadraporto de la estraro (ĝenerala sekretario)
3. Kas-raporto kaj buĝet-propono (kasisto)
4. Senŝarĝo de la estraro
5. Paragrafo 9 de la Etika kodo: diskuto kaj voĉdono
6. Internacia Ĵurnalisto: stato kaj problemoj
7. Raporto de la komisiono pri trejnado de ĵurnalistoj
8. Laborplano: diskuto kaj voĉdono
9. Proponoj, diversaĵoj
10. Fermo fare de la prezidanto

Membroj povas sendi proponojn skribe al prezidanto aŭ ĝenerala sekretario; eblas fari proponojn skribe aŭ buŝe ankaŭ dum la kunveno mem.
Kiel kutime, TEĴA invitas al la kunveno ankaŭ interesitajn ne-membrojn, do la publikon - se la membrokunveno ne decidos ion alian.




„Ĉu vi povus teni la kameraon iom pli alten, kamarado?"
*La karikaturisto aludas al televid-raportoj tutmondaj pri la agitadoj kaj atakoj kontraŭ eksterlandanojn en Germanio kaj pri la manifestacioj* por *eksterlandanoj. (Sur la afiŝo „Por toleremo - kontraŭ perforto", sur la insigno „Kontraŭ malamo al eksterlandanoj")*

## ENHAVO

*KOLOFONO*

**INTERNACIA ĴURNALISTO**
Organo de

TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

Aperas 4foje dum jaro.

Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio , tel./telefakso (49) 821 / 520385
Redaktofino de ĉi tiu numero: 5 jun 93



Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.

Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.

*Verantwoordelijke uitgever:* Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Kompostata per Atari Signum 2. Presata de Flandra Esperanto-Ligo.



## OFICIALAJ INFORMOJ de la TEĴA-estraro

● **UEA-konto de TEĴA:** Se vi havas konton ĉe UEA, vi povas facile ĝiri monon por la TEĴA-kasisto al la UEA-konto **ttmj-f** de nia asocio.

● **Bulgara TEĴA-sekcio:** La sekcio de bulgaraj esperantistaj ĵurnalistoj havis restarigan kunvenon. Sekve ĝi nun havas ankaŭ novan ofcialan adreson (vidu en la apuda kolofono).

● **AIS-kurso ne okazis.** La kurso pri ĵurnalistiko kadre de Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AIS), pri kiu ni informis frontpaĝe de IĴ 1/93, ne povis okazi en Maribor, kiel planite, manke de sufiĉa nombro da kursanoj. Dum la AIS-sesio en San Marino mem fine de aŭgusto ĝi ankaŭ ne povos okazi, ĉar tiutempe kursestro *Stefan Maul* ne povos ĉeesti. Ni informos ĝustatempe pri eventualaj novaj lokoj kaj datoj.

● **Novaj germanaj poŝtkodoj.** Kiel ni atentigis jam en antaŭa IĴ, ekde junio 1993 en Germanio validas novaj poŝtkodoj. Bonvolu ŝanĝi en via membrolisto. Jen la kodoj de germanaj TEĴA-membroj (ni mencias nur ĉefnomon kaj kodon de tiuj, kiuj aperis en la listo de IĴ 1/92; novaj membroj aperas kun kompleta adreso): BECKER s-ro Günther, Alter Hangarten 2, D-66440 Blieskastel; BORMANN s-ro Thomas, H 3, 13, D-68159 Mannheim; GÖRTZ s-ro Ulrich, Manfredstr. 29, D-48145 Münster; Günkel D-33100; Heintze D-76437; KOLB s-ro Thomas, Bismarckstr. 78, D-73433 Aalen; Maul D-86150; Pachter D-72488; Rössler D-67376; Schulze D-04209; Stephan D-40549; Westerhoff D-60433.

**Ĉu ankaŭ vi havas la mirigan ekkonon, ke en televido oni petas pardonon ĉiam nur pro teknika eraro sed ne pro l' ordinara programaro?**

# En la mondon venis nova E-vento

**En IĴ 3/92 redaktoro Stefan Maul prezentis al la legantoj la novan periodaĵon *Eventoj*, kiu estis lanĉita en Budapeŝto, Hungario, en marto 1992. Nun, post unujara ekzisto, konvenas detale priskribi la formon kaj enhavon de la gazeto, taksi ĝian utilon, kaj fari prognozon pri ĝia estonteco.**

Kiu legis mian studaĵon pri Esperanto-gazetoj en Hungario (IĴ 2/93, p. 9 - 12) estas bone informita pri la kriza eldona situacio, en kiun trafis tiulandaj periodaĵoj en la pasintaj du jardekoj; unu post alia ili ĉesis aperi. Pro tio, oni emas demandi, ĉu la sama morna sorto atendas ankaŭ *Eventoj*.
Unue, estas emfazende, ke *Eventoj* estas sendependa publikigaĵo, eldonita de privata entrepreno LINGVO-Studio en Budapeŝto. Sekve, ĝi ne estas ligita al Hungaria Esperanto-Asocio aŭ al iu alia Esperanto-organizaĵo. Cetere, ĝi ne estas posteulo de iu el la antaŭe fiaskintaj periodaĵoj en Hungario kiel *Hungara Vivo* aŭ *Budapeŝta Informilo*.

### Celo de *Eventoj*

La nomo *Eventoj* indikas, ke la primara funkcio de la gazeto estas informi pri aktualaj okazaĵoj en la Esperanto-movado tra la tuta mondo. Por plej efike plenumi tiun taskon, *Eventoj* havas dusemajnan aper-oftecon. Laŭ la redaktoro, László SZILVÁSI, *Eventoj* celas homojn, kiuj jam ellernis Esperanton „sed ne havas eblon (monon, tempon, energion ktp.) ĉiujare viziti 5 - 6 diversajn aranĝojn". *Eventoj* deziras ligi al la movado ankaŭ homojn, kiuj ĵus finis lingvokurson. Pro tio, la redakcia politiko preferas aperigon de mallongaj artikoloj en simpla lingvaĵo, por ke komencantoj kaj neperfektuloj povu kompreni ilin.

### Teknikaj detaloj

*Eventoj* havas la formaton A 4 kun 8 paĝoj en ĉiu numero; kelkfoje estas aldonita dupaĝa suplemento. Dudek kvar numeroj aperas en la jaro, po du en ĉiu monato. La tipografia aspekto de la gazeto estas kontentiga: blanka papero, facile legeblaj tekstoj aranĝitaj en tri kolumnoj, variado de presliteraroj laŭ formo kaj grando, ilustrado per fotografaĵoj kaj desegnaĵoj.
La redakcia adreso estas
LINGVO-Studio, pk. 87,
H-1675 Budapeŝto, Hungario,
al kiu oni povas turni sin por ricevi provekzempleron kaj informojn pri abonkotizoj. Laŭ la redakcio, la kosto de unu numero de *Eventoj* estas (en Hungario) la ekvivalento de unu hamburgero aŭ du tasoj da kafo. Ekspedas la gazeton ne la redakcio sed HELIR, la fako de la hungara poŝto okupiĝanta pri periodaĵoj. Ĝuste tiu aranĝo povas okazigi malfruiĝojn rilate ricevon de la gazeto.

### Enhavo

Abundo da rubrikoj estas dediĉitaj al kutimaj temoj kiel aranĝaĵoj, recenzoj, opinioj, korespondado, Esperanto en radio, kaj lingvo; specialan emfazon ricevas la praktika aplikado de Esperanto en fakoj, laborejoj kaj komerco. Metitaj sub rubrikajn titolojn estas ankaŭ artikoloj pri movada teorio, organizaj demandoj, propagando, historio, muzika kulturo kaj „Esperanto defendata". De tempo al tempo fak-organizaĵoj kiel IKEF, ILEI kaj ISAE ricevas tutan paĝon por informi pri sia organiza strukturo kaj funkcio. *Eventoj* anoncas ankaŭ konkursojn kaj alvokojn por specialaj agadoj.
Unika kaj utila rubriko estas „Kunvojaĝanto serĉata", kiu celas kunligi homojn vojaĝantajn al la sama loko, ĉu aŭtomobile por dividi benzin-kostojn, ĉu trajne por ne vojaĝi solaj. Krom informoj pri eventoj en la estonteco, estas ankaŭ raportoj pri la rezultoj de aranĝaĵoj, kiuj jam okazis.
Okupas grandan parton de ĉiu numero artikoloj pritraktantaj movadajn problemojn kaj kulturajn aspektojn de Esperanto. Tiu ĉi materialo plejparte ne estas originale verkita por *Eventoj* sed konsistas el represo de jam publikigitaj artikoloj, aperintaj en dise eldonitaj periodaĵoj. Ne ĉiuj represoj ve-

*N-ro 25, aperas dusemajne*




**Eventoj**

Redakcia adreso:
Budapest, pk. 87.
H-1675, Hungario
Telefono kaj telefakso:
(+36-1) 1288-258

*Internacia Sendependa Gazeto pri la Esperanto-Movado* — *marto (1) - '93*

*Ni iĝis unujaraj!*

*Tamen sukcesis! Antaŭ unu jaro, en marto aperis la unua numero de EVENTOJ, kaj dusemajnon post dusemajno venis al Vi la aliaj.*
*En la unua numero ni klopodis karakterizi nian profilon: okupiĝi pri ĉio, kio rilatas al la e-movado, sed ne transpreni la rolojn de naciaj, fakaj, literaturaj ktp. eldonaĵoj. Ni volis kaj*

Aŭtoritatulo favore pri esperanto

**Umberto Eco: MANKAS POLITIKA DECIDO**

Umberto Eco [Eko] estas internacie konata, fama itala verkisto, i.a. aŭtoro de romanoj *La nomo de la rozo* kaj *La pendolo de Faucault*, kaj unu el la plej famaj semiologoj

Umberto Eco asertas, ke nuntempa tendenco de la vivo en Eŭropo estas plimultiĝo de uzataj lingvoj, kaj ke neniu lingvo en tiu situacio aŭdacos pretendi iĝi superrega, eĉ se

*La kapo de la datrevena numero de la gazeto (formato iom reduktita)*

nas de nuntempaj periodaĵoj; kelkaj estas ĉerpitaj el gazetoj kaj revuoj eldonitaj antaŭ pluraj jardekoj.

**Rilato inter *Budapeŝta Informilo* kaj *Eventoj***

Kvankam redaktoro Szilvási emfazis, ke *Eventoj* ne estas posteulo de iu el la fiaskintaj hungarlandaj Esperanto-periodaĵoj, komparo inter *Eventoj* kaj la lasta jarkolekto de *Budapeŝta Informilo*, kiu ĉesis aperi en 1990, rivelas plurajn similecojn. Pri tio komentis ankaŭ redaktoro Maul. Sub la titolo *Budapeŝta Informilo* estis presita jena teksto: „Internacia movada kaj kultura servogazeto". En la responda loko sur la unua paĝo de *Eventoj* estas eĥo de tiuj vortoj: „Internacia sendependa revuo pri la Esperanto-movado". La redakcio de *Budapeŝta Informilo* eksciis, antaŭ ol ĝi povis kompletigi la lastan jarkolekton, ke „por ke gazeto estu internacia, ne sufiĉas nomi ĝin tia". *Budapeŝta Informilo* fiaskis, ĉar ĝi ne sukcesis allogi sufiĉe da eksterlandaj abonantoj. Ĉu la samo okazos ankaŭ al la t. n. internacia *Eventoj*?

**Malprospera konkurenco**

La ĉi-supra priskribo de la enhavo de *Eventoj* evidentigas, ke tiu ĉi gazeto ne estas tute originala. Jam delonge ekzistas periodaĵo en Esperantujo, kiu okupiĝas pri la sama celo - disvastigo de aktualaj informoj pri la Esperanto-movado. Temas pri *Heroldo de Esperanto*, kiu dum sep jardekoj, ekde 1920, liveris al legantoj novaĵojn pri agadoj de esperantistoj kaj iliaj organizaĵoj. Ĝi jam fariĝis, por tiel diri, institucio en la Esperanta lingvokomunumo. Ĝi havas konstantan kaj fidelan abonantaron, do estus malfacile por nova samspeca gazeto ŝanceli ĝian pozicion. Estas apenaŭ kredeble, ke esperantistoj, kiuj regule ricevas *Heroldo*, abonos ankaŭ *Eventoj* por superflue ricevi la samajn informojn en malpli granda formato.

Ankaŭ aliaj klarvidaj homoj kiel Stefan Maul (IĴ 4/92, p. 11) kaj Ko NURMI (*Fenomeno*, julio-aŭgusto 1992, p. 4) rigardas la lanĉadon de *Eventoj* kiel neutilan konkurencon kontraŭ *Heroldo* kaj aliaj periodaĵoj. Ko NURMI opinias, ke *Eventoj* estas „malagrabla evento", kies rezulto estos „detrui la laboron de aliaj homoj". Redaktoro Maul havas similan sintenon, kaj li kondamnas la ekziston de „... tro multaj revuetoj kaj bultenoj, kiuj ĉiuj remaĉas la samajn ‚novaĵojn' kaj konkurencas unu al la alia".

Kian estontecon oni povas aŭguri por *Eventoj*? Ĉar ĝi naskiĝis en lando, kie estas entombigitaj tiom da periodaĵoj, ĉu ĝi kapablas eviti la saman destinon? Estas ankoraŭ tro frue verki ĝian nekrologon. La dua jaro montros, kien iros *Eventoj*, kaj ĉu ĝi sukcesos fariĝi vere internacia periodaĵo.

**Mankhavaj statistikoj**

Frontpaĝe de la ĉi-jara naskiĝ-datrevena numero de *Eventoj* estas editorialo titolita „Ni iĝis unujaraj!", subskribita de ĉefredaktoro Szilvási. Ĝia tono estas plene optimisma, ĉar la gazeto sukcesis ĝisvivi la unuan jaron. En la teksto estas kelkaj statistikaj donitaĵoj, kiuj estas analizitaj en la suba tabelo.

Kion diras tiu statistika tabelo pri la grando de la abonantaro? Absolute nenion! Ĝi estas mistifika, ĉar mankas informo pri la nombro da abonantoj en la 46 landoj. Kial la redakcio de *Eventoj* silentis pri tiu fakto? Manke de la vera bildo pri la abonantaro de *Eventoj*, ni provu kalkuli la minimuman kvanton, supozante, ke estas almenaŭ unu kotizpaginto en ĉiu el la 46 landoj. Aplikante la procentojn en kolumno B, kiujn bonŝance la redakcio degnis riveli, ni akiras, post rondigo de la ciferoj, la rezultojn en kolumno D: 20 okcident-eŭropanoj, 17 hungaroj, 6 orient-eŭropanoj kaj 3 ekster-eŭropanoj. Tiuj nombroj ne estas kritikeblaj, ĉar ili baziĝas sur senriproĉa matematika operacio. La redakcio de *Eventoj* povas dementi tiun konkludon, **nur** se ĝi prezentos la verajn faktojn pri la nombroj en la tuta mondo. Espereble ni havos okazon legi interesan informon pri tio en la sekva numero de IĴ.

Bernard GOLDEN

---

Rim. de l' red. de IĴ:
En intervjuo aperinta en *esperanto* de UEA (aprilo 1993, p. 73), Szilvási respondas al la demando pri abonnombro: „En 1993 *Eventoj* presiĝas en 1200 ekzempleroj, el kiuj preskaŭ milo iras al pagantaj abonantoj (i. a. multaj movadaj gvidantoj kaj aktivuloj)."

**Abonantoj de *Eventoj* en 46 landoj (marto 1993)**

| A. lokoj | B. proporcioj | C. nombroj | D. nombroj |
|---|---|---|---|
| Okcidenta Eŭropo | 43 % | mankas | 20 |
| Hungario | 36 % | mankas | 17 |
| Orienta Eŭropo | 14 % | mankas | 6 |
| ekster Eŭropo | 7 % | mankas | 3 |
| Totaloj | 100 % | ? | 46 |

# Ni ne subtaksu nin mem

**„Principe ne diferenco" de YAMASAKI Seikô malferminta la unuan ĉi-jaran kajeron de IĴ, artikolo tre interesa, instigas al komento kaj detaligo.**

Tute senintence, fragmento de mia letero al la prezidanto de TEĴA provokis diskuton pri amatoraj kaj profesiaj ĵurnalistoj sur la paĝoj de IĴ. En tiu letero (IĴ 3/92, p. 14 - 15) temis pri du kategorioj de esperantistaj ĵurnalistoj kaj TEĴA-anoj:

a) profesiaj ĵurnalistoj, sciantaj esperanton. Ili neofte uzas esperanton, sian hobion, en la profesia agado;

b) amatoraj esperantistaj ĵurnalistoj, kiuj - laŭ Yamasaki - „akiras sian panon ... per komerco aŭ peno en mana aŭ mensa laboro de plej proza speco".

Tamen ekzistas plia kategorio, kiun difinas en IĴ 1/93 Maritza GUTIÉRREZ González, kiu oficas kiel ĵurnalistino ĉe la esperanto-redakcio de Radio Havana. Laŭ ŝi „temas pri tiuj ĵurnalistoj kaj esperantistoj samtempe, kiuj estante ĵurnalistoj profesie laboras per esperanto".

Kaj ŝi ne estas unika en sia speco. La unua estis L. Zamenhof mem, kiu danke al W. H. Trompeter dum tri jaroj ricevis 100-markan salajron pro la redaktado de *La Esperantisto* (tiu salajro estis sufiĉe granda por tiama Ruslando).

Profesie laboras nun la redaktoroj de *esperanto, kontakto, Sennaciulo*. Profesie laboras per esperanto redakcianoj kaj ĵurnalistoj de *El Popola Ĉinio*, de la esperanto-redakcioj de la pekina, varsovia kaj havana radioj. Ankaŭ mi akiras mian ĉiutagan panon per redaktado de *La Ondo* kaj per redaktado/eldonado de la esperantaj libroj kaj revuoj ĉe la eldonejo „Sezonoj" (Jekaterinburg). Vere, ni ne estas multaj, sed ni havas niajn proprajn profesiajn interesojn, kiuj ne ĉiam identas kun la interesoj de la du cititaj kategorioj.

Evidente s-ro Yamasaki volis emfazi, ke ne ekzistas profesiaj esperantistaj gazet-raportistoj. Ja ĵurnalisto estas multe pli ampleksa nocio ol raportisto. Ĉi tie li, kredeble, pravas.

**Originaloj kaj tradukoj**

Evidente, pravas Yamasaki ankaŭ, ke „la novaĵoj aperantaj en ... *Monato* ne estas en pli multaj okazoj unuamanaj, ne eltiritaj rekte de inform-fontoj. Ili estas duamanaj, cititaj el aliaj primaraj fontoj".

Li pravas. Sed oni malfermu esperantan gazeton aŭ bultenon... Kongresoj, konferencoj, seminarioj; organizoj, kluboj kaj societoj; recenzoj pri novaj esperantaj libroj, problemoj de la informado, instruado kaj faka aplikado de esperanto kaj - ekzemple - polemiko pri amatoraj kaj profesiaj ĵurnalistoj en IĴ. Ĉu tiuj materialoj estas duamanaj? Kaj ili plenigas la esperantistan gazetaron. Kaj ili estas troveblaj nur en la esperantista gazetaro (kvankam ekzistas konstantaj rubrikoj pri esperanto en kelkaj nacilingvaj gazetoj), kaj ilin unuamane verkas ĝuste esperantistaj ĵurnalistoj de ĉiuj menciitaj kategorioj. Kaj ĝuste tiujn materialojn atendas plej multaj averaĝaj esperantistoj.

**Tamen intervjuoj okazas**

Nia tokia kolego penas teorie konvinki nin, ke amatoroj „ne povas akiri ŝancon" intervjui eminentajn neesperantistojn, dum la profesiuloj povas tion fari, sed ili ne povas utiligi la materialojn en la esperanta gazetaro, ĉar „ilia agentejo ne permesas ĝin".

La opinio vere estas kurioza. Sed li mem konfesas, ke li „apenaŭ scias pri la esperanto-ĵurnalismo krom *Monato*". Se li legus, ekzemple, *Hungaran Vivon* en la 1980aj jaroj li vidus tie abundon de intervjuoj kun ministroj, kultur-agantoj, verkistoj kaj aliaj famuloj. Li povus facile trovi intervjuojn




ТЮМЕНСКАЯ ПРАВДА

ОБЩЕСТВЕННО-ПОЛИТИЧЕСКАЯ ГАЗЕТА

№ 19 (14018) СУББОТА 30 января 1993 г. Цена 5 руб.

Основана 1 мая 1918 года

## Pri TEĴA en Ruslando

La 30an de januaro 1933 en la regiona taĝĵurnalo *Tjumenskaja Pravda* (Tjumeno, Ruslando, 61 mil ekzempleroj) aperis 60-linia artikolo de T. Doroŝenko. La artikolon pretekstis sekretariiĝo de Irina KIRINA en la ruslanda sekcio de TEĴA.

T. Doroŝenko, informita de I. Kirina, rakontas pri TEĴA, *Internacia Ĵurnalisto* kaj pri la ruslanda TEĴA-sekcio. La aŭtoro skribas interalie:

„La celo de TEĴA estas havigi al siaj membroj divers-specajn, precipe profesie utilajn informojn. Ĝi organizas teoriajn kaj praktikajn seminariojn. Cetere, la sekva seminario okazos ĉi aŭtune en Slovakio. Estas malfacile antaŭvidi la koncernajn konkludojn de tiu seminario. Sed klaras, ke la ĉefa demando estos: kiujn informojn, ĝenrojn, temojn devas trovi la esperantaj gazetoj por reteni siajn legantojn." AK

kun ĉinaj eminentuloj en *El Popola Ĉinio*. Ne malofte aperas intervjuoj kun eŭropaj intelektuloj en *Literatura Foiro*. De tempo al tempo aperas intervjuoj ankaŭ en la organo de UEA *esperanto* kaj en aliaj esperantaj gazetoj.
Oni ne subtaksu la nivelon de la bonaj esperantaj gazetoj. Feliĉe, nia gazetaro estas pli ampleksa kaj varia ol teorie kredas s-ro Yamasaki.

**Ne nur en UK**

Subtaksinte la kvaliton de la esperantistaj ĵurnalistoj kaj de la esperanta gazetaro nia japana membro venas al subtakso de la rolo kaj taskoj de TEĴA: „Plibonigo de gazetara servo ĉe UK estas ĝuste kio apartenas al taskoj de TEĴA." Aliajn taskojn li ne mencias.
Sendube TEĴA nepre faros tian kunlabore kun UEA kaj ties informa fako - la vienaj fuŝoj ne devas ripetiĝi. Kaj tiucele Stefan Maul jam preparis koncernan konsilaron. Tamen ni ne forgesu pri vortoj en la preamblo de nia statuto:
„TEĴA klopodas altigi precipe la profesiajn kaj la etikan nivelojn de ĵurnalismo tutmonde..."
kaj el la unua artikolo de la statuto:
„TEĴA ... kontribuas al plibonigo de l' krea povo de ĵurnalistoj kaj provas helpi ilin ĉiumaniere, plenumi siajn taskojn ene de la esperanto-movado."
Kaj por la menciita altigo de la nivelo de la ĵurnalismo TEĴA refondiĝis kaj reaktiviĝis. Kaj pravas Stefan Maul dirinta, ke „La esperanto-movado ... sendube sen la helpo de ĵurnalistoj ne povus ekzisti, ĉar ili grandparte certigas la interkomunikadon interne de l' esperanto-movado".
Tial la ekzisto de la asocio de esperantistaj ĵurnalistoj estas tre grava kaj necesa por la esperantista komunumo, kaj ni ne subtaksu niajn nivelon, kvaliton kaj influon.
Aleksander KORĴENKOV

**INFORM-MAGAZINOJ**

# Spegulo en fokuso

**Nova provo konkurenci al germana inform-magazino *Der Spiegel* eble por la unua fojo sukcesos: nova magazino *Focus* prosperas.**

Dum 47 jaroj en Germanio kaj eksterlande akiris famon (aŭ misfamon, laŭ gusto) kaj monopolan lokon en la merkato semajna inform-magazino *Der Spiegel* (La Spegulo). Ĝi fariĝis germana institucio, ŝatata de milionoj da legantoj kaj timata de centoj da politikistoj, ĉar la ĉefulo Rudolf Augstein [Aŭgŝtajn] en Hamburgo perfektigis ĝin kiel instrumenton de rivel-ĵurnalismo. Kiam dimanĉe mi deĵoras en la redaktejo de nia ĵurnalo, mi scias ke atendas min minimume tri aŭ kvar novaj rivelaĵoj de *Spegulo*, ofte skandaloj kaj ofte komenco de detronigo de konata politikisto aŭ alia eminentulo. ➤

**BRITIO**

# Spegulo de l' tempo?

**Silentiĝis grava, maldekstrema kaj respektata ĵurnalista voĉo en Britio, kiam direktoroj de la amas-ĵurnalo *Daily Mirror* (Ĉiutaga Spegulo) elpostenigis kolumniston Paŭlo Foot [Fut].**

Foot, 55jaraĝa, dum 13 jaroj daŭrigis, ja enkorpigis socialisman tradicion de la malnova *Mirror*, kiu - kvankam pli kaj pli klaĉ- kaj skandal-gazeto - tamen kuraĝe kaj fiere luktis por la rajtoj de ordinaruloj en Britio. Neniu pli fervore kampanjis ol Foot, kiu semajnon post semajno prilumis ekspluatadon, ŝlifadon de laboristaj rajtoj flanke de entreprenistaj klasoj, k. s.

**Malrespektata tradicio**

Tamen en la lastaj monatoj Foot ekkonsciis pri kreskanta tia konflikto ĉe la propra laborejo, nome ĉe la *Daily Mirror*. Nova, pli dekstrema estraro malrespektis la tradiciojn de *Mirror*: nun pli gravas skandalo ol serioza, politika komento. Laŭ nova redaktoro, la ĵurnalo nun kongruas kun la gusto de la epoko ... kaj jes, dum la lasta duonjaro kreskas ĉiutagaj vendoj, de 2.7 ĝis 2.9 milionoj. Samtempe, kaj pli inside, la direktoraro komencis subfosi la *Mirror*-sindikatojn por forigi ĵurnalistojn, kiuj kontraŭis la direkto-ŝanĝojn de la gazeto.
Alfrontis al dilemo Foot. Se ĉe iu alia organizaĵo li vidintus tian subfosadon, li tuj ekprenus skribilon por defendi la atakitojn. Sed en la propra organizaĵo? Finfine li enmanigis kritikan artikolon al sia redaktoro, kiu rifuzis ĝin aperigi kaj rekomendis, ke Foot, evidente mense malsana (tiel!), konsiliĝu de psikiatro.

**Detruiĝis serioza ĵurnalo**

Restis nenia elirejo por Foot ol eksiĝo, kaj kun li proteste rezignis unu el la direktoroj, la socialisto-milionulo Lordo Hollick [Holek]. Klare estas, laŭ la vortoj de Foot-subtenanto ĉe *Mirror*, ke la malnova, luktema, pli malpli serioza ĵurnalo detruiĝis, ke kreiĝos en Britio plia banala, ja kruda bulvarda klaĉ-gazeto. Foot viktimiĝis pro malmola, komerca sinteno de gazetaraj lakeoj de dekstrema registaro: ordinaraj britoj viktimiĝis pro silentigo de honesta, enketema, maljesa voĉo.
Finfine: ĉu ne hontinde, ke en t. n. demokratio, fine de la 20a jarcento, gazeto-baronoj surstratigas respektindan, diligentan kaj fidelan ĵurnaliston, dirante, ke tiu traktiĝu de psikiatro?
Paŭlo GUBBINS







*Diferenco ankaŭ en prezoj: FOCUS kostas 4 germanajn markojn, DER SPIEGEL 5 markojn enlande.*

*La front-paĝoj de la du eldonoj komparataj.*

Krome *Spegulo* famas pro sia speciala stilo, ĉiam malica aŭ maliceta, tiel ke eĉ pri konataj aferoj oni volonte legas, nur por ĝui la verkmanieron. Jam ofte la magazino pro tio estis temo de sciencaj esploroj, disertacioj kaj doktoriĝaj verkoj. Kiel ajn, ĉiu germano iel ligita al publika vivo *devas* legi la magazinon, por tre multaj profesioj ĝi estas nemalhavebla inform-fonto.

Dum tiuj 47 jaroj okazis multaj provoj krei *kontraŭ-Spegulon* aŭ duan inform-magazinon - ĉiuj malsukcesis, ĝis nun. La 18an de januaro 1993 startis nova konkurenc-magazino, kaj ŝajnas ke ĉi-foje ne temos pri fiasko.

**Sperta kaj lerta editoro**

Por detronigi la giganton el Hamburgo ekaktivis (en riĉega eldonejo Burda) konata ĵurnalisto Helmut Markwort [Markvort] en Munkeno. Li konatiĝis precipe per kreado de plej bona germana televid-programa revuo *Gong*. Nun kiel editoro kaj ĉefredaktoro de l' nova magazino en la fokuson li metis la *Spegulon* kaj 100 tagojn post la starto triumfas: oni jam forlogis kelkajn aĉetantojn de la Hamburga rivalo, akiris pli multajn legantojn ol oni esperis kaj vendis pli multajn reklam-paĝojn ol atendis...

La nomo estas lerte elektita kaj subkonscie memorigas pri la rivalo: FOCUS. La vorto, cetere, ne estas germana, ĉar el latina *focus* (= forno) en germana lingvo fariĝis (simile kiel en Esperanto) *Fokus*; tamen, evidente, Markwort ne reiris al la latina radiko, sed elektis la *anglalingvan* formon, demonstrante tiel modernecon (angla lingvo estas moderna en Germanio!) kontraste al la kaduka pure germana *Spiegel*.

Ni komparis tiun ĉi numeron, kiu aperis 100 tagojn post la starto, la 3an de majo 1993, kun la samtaga numero de *Spegulo*. Unua diferenco: *Fokuso* kun 174 paĝoj estas malpli dika ol *Spegulo* kun 278 paĝoj (samaj formatoj); la reklampaĝojn ni ne kalkulis, sed *Spegulo* evidente havas pli multajn. Cetere: en Hamburgo laboras 400-persona skipo, en Munkeno por *Fokuso* nur 80 redakcianoj.

**Ho kiom buntega!**

Plej frapa diferenco tamen estas la totala bunteco de *Fokuso* kompare al nigra-blanka *Spegulo*, en kiu nur reklamoj aperas kvarkolore. En *Fokuso* la fotoj estas multe pli grandaj (foje eĉ dupaĝaj), pli multaj kaj preskaŭ senescepte kvarkoloraj. Krome titoloj, rubrikoj kaj multaj aliaj eroj aperas kolore. Foliumante vi devas daŭre atenti, ĉu temas pri reklamo aŭ ĵurnalisma buntaĵo. Pli frapas la atenton pro tio nigrablankaj ol multkoloraj reklamoj, kaj ŝajnas ke kelkaj klientoj jam ekkonis tiun ĉi ŝancon: aperas mirige multaj nigraj reklamoj.

**Detala kaj konciza**

Fama fariĝis *Spegulo* ankaŭ pro la multaj interesaj kvankam eble akcesoraj aŭ eĉ bagatelaj detaloj (foje inventitaj!) en la tekstoj. *Fokuso* male havas la koncepton de koncizaj tekstoj. Ni komparu la aktualajn temojn, kiujn povis preteratenti nek unu nek la alia magazino:

- Socialdemokrata partiestro Engholm, kies demision oni povis atendi por ĝuste tiu ĉi lundo (kio fakte okazis): 3 paĝoj en *Spegulo*, 3 paĝoj en *Fokuso* (el kiuj tamen pli ol unu paĝo

estas Engholm-foto - bunta, kompreneble).

- Eksa orient-germana ĉef-spiono Markus Wolf [Volf], kies proceso komenciĝu tiun semajnon: *Fokuso* dediĉas al li 2/3onan paĝon. 7,5 paĝojn okupas *Spegulo*-interparolo kun Wolf. (Ankaŭ ĉi tiu intervju-formo, pli ĝuste dialogo, do *interparolo*, estas tipa kaj fama stilformo de *Spegulo*.)

**Ĉefartikolo**

Karakteriza por magazino estas anonci per grafikaĵo aŭ foto aŭ fotomuntaĵo kun frapa titolo la ĉefartikolon. En *Spegulo* ĝi estas aidoso en Azio, kiu okupas 8 kompletajn paĝojn. En *Fokuso* estas indsutri-spionado en Germanio, sur 5 paĝoj kun multaj fotoj kaj krom-elementoj, tiel ke la teksto mem reduktiĝas al ĉ. 3 paĝoj.
Kiel kutime, la *spegula* ĉefartikolo estas funde kaj detale esplorita kaj dokumentita kun multaj informoj, kiujn certe oni ĝis nun ne povis legi aliloke: kompleta prezento de la temo kun ĉiuj gravaj facetoj.
La temo metita en *fokuson* ne estas nova por germanaj legantoj; ĝi estas zorge verkita resumo de konataj faktoj kun kelkaj ekzemploj. Iom strange: oni aldonis fotojn de teroristoj, kiuj kaŝis sin en eksa GDR. Probable mankis ilustraĵoj por la temo mem, do oni enmiksis terorismon en spionadon...

**Kaj cetere?**

Pri *Spegulo* oni scias el pluraj jardekoj, ke en ĝi oni trovas ĉiusemajne la vere aktualajn temojn en analizoj kaj fonartikoloj, kaj ke krome oni trovas en ĝi ĉiam verajn novaĵojn en ĉiuj sekcioj. Pri la rivel-ĵurnalismo ni jam parolis.
Evidente *Fokuso* ne sukcesas en rivel-ĵurnalismo, ĝis nun. Certe, ankaŭ *Fokuso* per antaŭ-informoj al la agentejoj atentigas pri ŝajne tute novaj aferoj, kiujn ĝi rivelas en la aktuala numero. Sed plej ofte ĝis nun temis pri jam konataj aferoj, maksimume pri nova faceto. Ŝajnas, ke la skipo en Munkeno ne estas forta (eble tro malgranda) rivalo en rivelado, kaj ke la redakcio eĉ ne havas en la fokuso ĉi tiun ĵurnalisman ĝenron.
Cetere oni trovas en *Fokuso* preskaŭ nur konatajn temojn, malmultajn vere novajn. Ofte oni havas la impreson, ke la magazino simple resumas aferojn, kiujn dum la antaŭa semajno oni povis legi en sia ĵurnalo, aldonante buntajn fotojn (kiuj mankis en la ĵurnalo, sed kiujn oni parte konas el televido...) - kaj fino. Preskaŭ komplete mankas politikaj analizoj, socie gravaj temoj kaj konfliktoj. Krome frapas, ke eksterlandaj aferoj - alimaniere ol en *Spegulo* - ludas nur akcesoran rolon. En la priparolata numero: svedaj UN-blukaskuloj parolas pri siaj psikaj problemoj; intervjuo kun (germana) Manfred Wörner [Verner], ĝenerala sekretario de NATO, pri la germana armeo; specialaj ekonomi-regionoj en Ĉinio; provincismo en Slovakio; katolika eklezio en Pollando; komentario pri la ruslanda referendumo. Interese ĉe tiuj temoj estas, ke preskaŭ ĉiuj iel rilatas al Germanio pro najbareco (Slovakio, Pollando) aŭ pro tio, ekzemple, ke en la lando furiozas disputo pri blukaskuloj.

**La celgrupo**

Analizante la temojn de *Fokuso* oni trovas alian interesan fenomenon: la revuo evidente volas kapti junajn riĉajn legantojn. En tiu numero 18 oni ekzemple trovas ampleksan (5 paĝoj) raporton pri golf-ludejoj en Germanio, dupaĝan artikolon pri kabriolet-aŭtoj („Per kabrioleto estiĝas ĝojo") kaj pli ol 5paĝan artikolon pri elektronikaj komunikiloj.
Efektive, laŭ la deklaroj de Markwort mem, *Fokuso* havas la celgrupon „junaj riĉuloj". Meze de aprilo li asertis: „Ni atingis kiel planite la info-eliton," t. e. ĉefe viroj kun altaj erudicio kaj enspezo, laŭ profesio precipe aktivaj en komercado kaj naturscienca j branĉoj (inĝenieroj).
La subtitolo de *Spegulo* estas „la germana inform-magazino", tiu de *Fokuso* „la moderna inform-magazino" (germanlingve Nachrichtenmagazin). Mirigas, ke oni ne elektis INFO-MAGAZIN, kvankam tio estas moderna; probable per la sama vortumo *Nachrichtenmagazin* oni volas demonstri sian konkurencemon al *Spegulo*. Ĉar cetere Markwort ja parolas ne nur pri *info-elito* sed ankaŭ pri *info-distro*, kiun li aplikas kaj pri kiu ni en IĴ rezonis jam plurfoje.

**Splitita merkato**

Evidente *Fokuso* ne jam en konsiderinda kvanto forlogas legantojn de *Spegulo*, kies eldonkvanto de pli ol miliono restas stabila. Fakte neniu atendas, ke *Spegulo* draste suferos aŭ eĉ pereos, certe ne pro *Fokuso*. Kiu kutimis ĝis nun legi la informriĉan grizan produkton el Hamburgo, daŭrigas sian kutiom, ĉar *Fokuso* neniel povas (volas?) kvalite anstataŭi ĝin. Tamen *Fokuso* logis jam tri monatojn post la starto iom pli ol duonan milionon da konstantaj aĉetantoj, kvankam la eldonejo asertas ke oni kalkulis dum la unua jaro nur pri 300 000.
Ŝajnas do, ke por tia supraĵa, bunta info-distra magazino ekzistas merkato en Germanio, *apud* la merkato kiun tenas *Spegulo*. Estas nelegemaj junaj homoj, kiuj ĝuas sian riĉan modernan vivon kaj trovas konfirmon de sia vivmaniero ĝuste en *Fokuso*. En ĝi ili povas per mallongtempa legado akiri la senton, esti informitaj - pardonu: info-distritaj. Ili ne emas legi longtekstajn analizojn en *Spegulo*, ne volas esti *informita elito* sed reduktita *info-elito* laŭ la vortumo de Markwort. ►

En tiel splitita merkato do eble estas loko por du inform-magazinoj en Germanio. Estas ankoraŭ tro frue por paroli pri sukceso - tion ni scios probable nur post du aŭ tri jaroj. Ankaŭ estas tro frue jam vidi efikojn per *Fokuso* al *Spegulo*. Se pravas la eltrovoj de komunikad-fakuloj, ke malkreskas la legemo en Germanio ĝenerale, tion eble iom post iom sentos ankaŭ *Spegulo*, kiu ne povos akiri sufiĉe multajn novajn (junajn) abonantojn kaj aĉetantojn.

**Tamen konkurenco?**

Kolego rezonis jene: Se post kelka tempo ni konstatos, ke la merkato tamen ne akceptis la apud-*Spegulon*, ĉu ni vetu ke tiam la dinosaŭro de Augstein jam estos bunta, tiom bunta!
Eble *Spegulo* el internaj analizoj jam scias, ke *Fokuso* spite al ĉio konkurencas. Aŭ ĉu estas hazardo, ke ĝuste nun *Spegulo* enketas inter siaj legantoj en eksterlando, antaŭ ol *Fokuso* penetros ankaŭ en negermanajn merkatojn?
Stefan MAUL

## Ekaperis *Spektro*

IĴ jam menciis (4/92, p. 12 - 13), ke en Ruslando aperos internacia gazeto *Spektro*, kies celo estas prezenti per populara lingvo esperanton por averaĝaj esperantistoj.
En januaro aperis la **unua numero** de *Spektro*. Ĝin komencas lingvo-politika eseo de Ulrich Lins „Stalin kontraŭ Marr: la sekvoj por esperanto". Sekvas artikolo de Aleksander Korĵenkov pri la esperanta traduk-literaturo kaj studo de Boris Tokarev „Modela frazo en instruado de esperanto". En la rubriko „Vizitkarto" Halina Gorecka prezentas la Kolektivan Esperanto-Bibliotekon (KEB), kiu funkcias en Jekaterinburg. Konata moskva ĵurnalisto Nikolaj Stepanov aperigas artikolon pri la Instituto de Esperanto (Moskvo, 1910 - 1921).
Fine de la unua numero oni trovas prezenton de la aŭtoroj. Menciindas, ke inter la kvin aŭtoroj estas tri membroj de TEĴA. Aktiva membro de TEĴA estas ankaŭ la redaktoro de *Spektro*, siberia esperantisto Aleksej Birjulin.
*Spektro* estas presita en Jekaterinburg, en la presejo-eldonejo „Sezonoj", kie aperas ankaŭ *Ruslanda Esperantisto* kaj *La ondo*, kaj kie estas eldonataj ankaŭ libroj en esperanto.
La nova revuo estas abonebla ĉe UEA aŭ landaj perantoj kontraŭ 12 NLG, 10 DEM, 7 USD aŭ egalvaloro. AK

## Bulgara statistiko

TEĴA-ano K. Karucin faris statistikon de priesperantaj publikigaĵoj en bulgara gazetaro en 1992. Lokis priesperantajn materialojn entute 28 periodaĵoj (14 en la ĉefurbo Sofio kaj 14 en la cetera lando) kun entute 40 kontribuaĵoj (21 en la ĉefurbo, 19 en la lando). Sofia medicina semajna gazeto *Znaĥar* aperigis specialan esperantlingvan numeron por konigi al la esperantista publiko medicinan kulturon, atentigante pri la bulgara popularstila saniga praktiko.

## Germana protesto

Germana Unesko-komisiono protestis en rezolucio pro tio, ke la 4a KSKE-Sekvokunveno en Helsinko en 1992 ne enigis la „Ĉarton por Libera Ĵurnalismo" (vidu IĴ n-ro 3/92, paĝo 4) en la finan dokumenton de tiu kunveno de Konferenco por Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo (KSKE). Kun la bedaŭro pri tio la Unesko-komisiono apelacias al ĉiuj, kontribui al sukceso de KSKE-seminario „Liberaj Komunikiloj", planata por novembro 1993 en Varsovio.




## Peto el Nepalo

Ni kun granda plezuro sendas al vi trian numeron de nia asocia gazeto *Montejo* kaj petas pardonon pro la malfrueco de ĝia apero. Ni, junaj laborantoj en malriĉaj landoj por esperanto-movado ja frontas egajn problemojn. Tamen, niaj koroj puŝas nin ke ni plu laboru sincere por la prospera estonteco de Esperanto. La loka etoso aŭ situacio ne taŭgas por la bono de la lingvo, tial ni petas vin laŭ ebleco kontribui por daŭrigo de nia gazeto.
Ni mem ne povas diskoigi niajn agadojn al geesperantistoj de la mondo, ĉar nia malgranda eldonaĵo estas ne dissendata al tuta mondo pro la financa problemo de poŝtkotizoj. Ĉu vi povas diskonigi nin al la esperantistaro de via lando aŭ tuta mondo?
S-ro Dipendra Kumar Piya
ĉefredaktanto de *Montejo*
P. O. Box 4098, Kathmandu
Nepalo
(La redakcio indikas en n-ro 3, ke oni povas aboni la gazeton per sendado de „minimume du respond-kuponoj por unu numero". Oni ne sendu monon, sed - ankaŭ kiel donacon por subteni la eldonadon - respondkuponojn.)

## En festa renkonto

La novjara festo ne estas la plej oportuna tempo por paroli pri ĵurnalismaj aferoj, eĉ se kunvenas esperantistoj. Tamen almenaŭ du ĵurnalismaj aranĝoj okazis kadre de la internacia renkonto Eŭropo-Azio '92

(Jekaterinburg, 29 dec 92 - 5 jan 93).

● Unue Aleksander KORĴENKOV rakontis pri la historio de la esperanta samizdata literaturo en Sovetio kaj Ruslando; la raporton akompanis ekspozicio de samizdataj libroj kaj gazetoj.

● Kaj due, okazis gazet-forumo: renkonto kun la redaktoroj de *Ruslanda Esperantisto*, *La ondo* kaj *Spektro* kun la legantoj. AK

## Bonaj novaĵoj

Tedite de la multaj novaĵoj malbonaj kaj katastrofaj, hispana ĵurnalisto Julio Campuzano fondis „Agentejon por bonaj novaĵoj". Campuzano, eksa gazetara aferŝarĝito de l' gubernestro de l' eŭska provinco Alava, deklaris ke li volas atingi, „ke la malnova diraĵo ,bonaj informoj ne estas informoj' estu inversata". Eĉ se la situacio en Hispanio kaj la cetera mondo ne estas vere sunplena - li diris - tamen oni povus komuniki multajn pozitivajn aferojn kaj por tio ekzistas spaco en la gazetaro. La unua bona novaĵo por la komunikiloj de lia hejmurbo Vitorio estis, ke Campuzano senpage disdonis sian informservon.
Ni ne scias, ĉu en la unua eldono aperis ankaŭ la pozitiva informo, ke la UK ĉi-jare okazos en Valencio... sm

---



---

# METIEJO

PRAKTIKAJ
kaj
UTILAJ AFEROJ

## Kiaj citiloj?

**Nuntempe oni renkontas preskaŭ nur citilojn lokitajn supre de linio - sed ĉu tio estas ĝusta en la lingvo internacia?**

En eŭropa presarto (tipografio) oni tradicie uzis - laŭ mia scio en preskaŭ ĉiuj hindeŭropaj lingvoj - du diversajn citilo-signojn: la komenca sidis sube de linio, do tiel: „ ; la fina citilosigno sidis supre de linio, do tiel: " . Zamenhof por sia lingvo internacia adoptis ĉi tiun sistemon kaj do en la fruaj Esperanto-revuoj kaj -libroj oni trovas la formon „La Esperantisto" kaj ne "La Esperantisto". Tamen, dekomence skribmaŝinoj ŝparis tajperon kaj por ambaŭ citiloj, komenca kaj fina, havis kutime nur la supre lokitan ". En kompostado ĝis hodiaŭ en pluraj lingvoj oni konservis la tradician sistemon, ankaŭ se oni kompostas helpe de komputiloj; ĉiuokaze en germana lingvo oni ĝis nun ne transiris al la alia sistemo.
Sed en kompost- kaj redaktoprogramoj de tre multaj komputiloj oni ne trovas la sube lokitan citilo-signon, nur la supran. Kial? Supozeble pro tio, ke neniu komputil-produktanto invitis tipografojn ellabori la kompost- kaj tekst-programojn - oni ja trovas ankaŭ tre multajn aliajn fuŝaĵojn, kiuj povas hirtigi pro teruriĝo la harojn de profesia tipografo. La komputil-produktistoj simple transprenis la kutimojn de skribmaŝin-tekniko. Krome - sed pri tio mi ne estas certa - en tipografio de Usono (kaj preskaŭ ĉiuj komputiloj ja origine venas el tiu lando) oni eble jam delonge uzis nur supre lokitajn citilojn.

### Nur du esceptoj

Mi esploris pri tio kelkajn E-revuojn, kiuj estas je mia dispono, kaj trovis ke preskaŭ ĉiuj uzas la - ni nomu ĝin tiel - „usonan" (pardonu: "usonan") sistemon: Ruslanda Esperantisto, Fenomeno, La Migranto, Moskva Gazeto, Verdire, Esperanto aktuell (ankaŭ en la germana eldono), Monda Forumo, Internacia Pedagogia Revuo, La Kancerkliniko, Eventoj ... nu, sufiĉas, ĉar ŝajne ĉiuj E-revuoj ne plu sekvas la kutimojn de Zamenhof en tiu ĉi punkto.
Ankaŭ la plej oficiala revuo, „esperanto" de UEA, ne; kaj „Heroldo de Esperanto" havas denove apartan manieron: en ĝi oni trovas ĉe citaĵoj en la kuranta teksto ofte nur *simplajn* citilojn, do tiel: 'Literatura Foiro', aŭ la horizontalajn «Dekamerono» (kion pri tio dirus fondinto de *Heroldo*, la tipografo *Teo Jung*?). Kun aparta intereso mi esploris du revuojn, pri kiuj mi scias ke ili uzas la *kompost-* kaj *enpaĝig*-programon de komputilo MacIntosh; sed ambaŭ, Sennaciulo kaj Esperantolehti, konas nur supre lokitajn citilojn. Ŝajne do tamen ne estas vera *kompost*-programo.
La sola escepto, kiun mi trovis: *Monato* ĝis hodiaŭ uzas la verajn, tipografie ĝustajn citilojn. Ĝi estas produktata per aŭtentika kompost-programo en Grafika Centro Antverpeno.
Alia escepto estas IĴ, kompostata per simpla Atari-komputilo; tamen ties redaktoro-kompostanto, Stefan Maul, lernis la metion ankoraŭ dum la epoko de plumbo-kompostado, kiam produktis tekstojn ne iu ajn, sed veraj fakuloj, tipografoj. Tiu ĉi metio ekstermiĝis. Kaj kun ĝi ŝajne mortis la komencaj citiloj.
Ĉu nur nostalgia plendo de maljuniĝanta redaktoro? Ne nur, ĉar kompreneble havis sencon, uzi diversajn citilojn komence kaj fine de citaĵo: tio

helpas al legantoj. Sed probable mi ja eraras, pedante. Do mi finas per malnovaj citiloj: „Pardonu, ke mi ĝenis vin per tia bagatelo de presarto, dum ja formortis tipografio, ankaŭ en Esperantujo. Ĝi ripozu en paco!"

Stefan MAUL

## LETEROJ

Skribu al
Stefan Maul
Pferseer Str. 15
D-86150 Augsburg
Germanio

---

## Fotobanko

**Pri la plendo de W. Green (IĴ 1/92, p. 16), ke mankas fotoj, kaj la demando pri fotobanko de UEA, skribas *István Ertl*:**

Jes, C. O. havas ion tian, sed ĝia kresko ŝajne haltis iam ĉ. 1970... Kiam ni uzas fototekaĵon (ekz. la decembra kovrilo de *Esperanto*), ni devas peni maski ĝian kadukan aĝon. Do ne indus tro trumpeti pri ĝi, sed jes indus iel evoluigi ĝin. Simpla alvoko (*Esperanto*, junio 1992, p. 119) fruktis nenion.

## Ĉapelo

**Pri la termino *ĉapelo* uzata de Philippe Cousson en sia artikolo „Tuj legeblaj" (IĴ 2/93 p. 5) skribas *Lucien Giloteaux*, Francio:**

Kio estas *Chapeau* en la ĵargono de francaj ĵurnalistoj? La vorto estas diminutivo de *chape*. Ĝi kompletigas la titolon de gazet-artikolo kaj resume la ĉefajn elementojn de la ĉeftemo en *du aŭ tri fraz(et)oj*. Ĝia loko: inter la titolo kaj la artikolo. Ofte presita en litertipoj aliaj ol tiuj de la artikolo kaj de la titolo. Ĝia celo: „vendigi", t. e. legigi la tutan artikolon. (laŭ *La Grande Aventure de la Communication*, D. Huisman, J. Langlois, eld. Séguier)

## Pri membrolisto

***Luis Gilpérez Fraile*, Hispanio, skribas:**

Pri la membrolisto, ŝatus mi trovi iom pli longan indikon profesian de ĉiu ano. Jen la mia: „Verkisto pri liberaeraj temoj (kampadismo, speleologio, cikloturismo, skiado ktp.). Respondeculo pri liberaeraj verkoj en eldonejo. Kunlaboranto pri liberaeraj temoj en kelkaj hispanaj ĵurnaloj kaj revuoj."

*Rim. de red.: Kion vi opinias pri tiu ĉi propono? Kompreneble la amplekso de la listo kreskus konsiderinde per tiaj detaloj.*

## Nova land-kodo

***Jukka Pietiläinen*, Finnlando, atentigas:**

Grava ŝanĝo en Finnlando estas la anstataŭigo de la landa mallongigo SF per nova FIN, ekuzata jam en Finnlando kaj fine de ĉi-jaro plene anstataŭanta la malnovan. En la dulitera sistemo la mallongigo estas FI, sed la registaro elektis triliteran formon por la oficiala mallongigo.

## Antisemito?

**Pri la plendoj de B. Golden rilate artikolon de N. Stepanov (IĴ 1/93, p. 15 - 16) kaj reago de C. Murgin (IĴ 2/93, p. 12 -13) alvenis pliaj reagoj. Vidu apude la leteron de Donald Broadribb. Ĉi-sekve la reago de *Igorj Ŝimonov*, Ruslando:**

Ne, ne simple tiel verkas B. Golden siajn artikolojn. Aliaj skribas al E-gazetoj por esprimi sian opinion, por informi, por refuti konsiderojn, kiuj estas eraraj. Sed ne Golden - li verkas kun sekreta celo „logi el iliaj kaŝejoj esperantistajn judfobiulojn kaj antisemitojn". Nu bone, se tiun IDÉE FIXE li havas - kiu povas al li tion malpermesi... Tamen tro facile-senpense s-ro Golden enlistigas tiun aŭ alian esperantiston al judfobiuloj.

Ekzemple, N. Stepanov estas, laŭ Golden, antisemito ĉar Stepanov skribis, ke „hebreoj strebas ĉien enŝovi sian judecon". Hm, ĉu sufiĉa preteksto por la peza akuzo? Jen, ekzemple, mi diras:

„Rusoj strebas ĉien enŝovi sian rusecon" (almenaŭ senkonscie).

„Sovetianoj strebis ĉien enŝovi sian sovetecon" (tio, certe, estis).

„Esperantistoj strebas ĉien enŝovi sian esperantistecon" (almenaŭ plimulto de miaj konataj esperantistoj kaj mi persone).

Kaj nun? Ĉu mi jam estas antirusisto, antisovetisto, antiesperantisto? Ĉu ne tro ekzaltiĝemas s-ro Golden pri sia ĉasado al sorĉistinoj? Ĉu ne iom patologiete li al la problemo rilatas?

Krome, estas mirindaj aliaj eldiroj de B. Golden. Li skribas, ke Stojan kaj Stepanov *kalumnias* d-ron Zamenhof per asertoj pri lia aliĝo al luterana aŭ ortodoksia[1] eklezio. Pardonu, ĉu ani en tiuj eklezioj estas tiomgrade malbona, hontinda afero, ke eblas uzi la vorton *kalumnio*? S-ro Golden ankaŭ preterpase deklaras, ke Petro Stojan estis „mense malsana". Ĉu Golden havas medicinan dokumenton pri tio? Se konsideri artikoleton pri P. Stojan en *Enciklopedio de Esperanto*, impreso pri la malaveraĝa esperantisto estas tute alia.

**Pri la Majstro**

Jen tiu, jen alia aŭtoro starigas

---

[1] *Ortodoksa* kaj *ortodoksia* estas diversaj nocioj, kaj domaĝe ke redaktoroj de E-eldonaĵoj insiste nomas grek-ritajn ekleziojn *ortodoksaj*.

en E-gazeto demandon pri nacio de d-ro Zamenhof, pri „patrolando de Esperanto" (ĉu tio estis Pollando, Rusio, Belorusio, Litovio). Sed ĉu ĝenerale starigi la problemon pri nacia aparteno de La Majstro estas taŭge? Ja eĉ B. Golden, mi esperas, komprenas ke li estis unuavice homarano, mondcivitano.

La demando estas ĝustaloka nur en senco historigrafia, kulturologia, akademia-teoria okaze de vere interesa esperantismologia problemo: kiu idearo, kiu kulturo, kiu paradigmo plej multe influis la modestan, judan (certe, judan) kuraciston? Sub kiu signo aperis homaranismo, danke al kiu vojgvidanta stelo? Ĉu ideajn serĉadojn de Zamenhof ombris la stelo de David? Aŭ pola fiera *aglo blanka*? Aŭ ruslanda (ruslanda ne egalas al rusa!) dukapa aglo, rigardanta al Oriento kaj Okcidento? Miaopinie, unuavice influis d-ron Esperanto plej „ne naciecema" kulturo, influon de kulturoj „naciecemaj" li superadis. Sed tio, certe, estas temo por speciala esperantismologia historia revuo.

## Eŭfemismo

**Pri la sama temo skribas *Vladimir Minin*, Ruslando:**

Kiam N. Stepanov nomas Zamenhof pola aŭ rusa kuracisto, li ne inventas ion novan. Tio estas *tradicio* en sovetiaj kaj rusiaj amaskomunikiloj. Ĉar *judo* estas blasfemo aŭ insulto en la rusa lingvo, kaj se Stepanov skribus, ke Zamenhof estas judo, la legantoj komprenus, ke Stepanov volas insulti lin. Kaj ĝenerale *judo* estas malpermesita vorto fare de la cenzuro.

Kvankam *hebreo* estas oficiala vorto, tamen sufiĉe multaj amaskomunikiloj evitadas ĝin, ĉar en multaj ŝovinismaj amas-komunikiloj oni asertas, ke neniu hebrea invento utilas por la rusa homo. Mi scias multajn kazojn, kiam redakcioj de ruslingvaj amaskomunikiloj ŝanĝadis hebrean kuraciston je rusa aŭ pola kuracisto. Anstataŭ judo, hebreo (kaj aliaj similaj gentnomoj) nun en la rusiaj amaskomunikiloj uziĝas eŭfemismo „ruslingva loĝantaro". Mi opinias, ke indas pridiskuti tiun ĉi problemon sur paĝoj de IĴ.

## For la misgvidan murginismon!

***Bernard Golden* skribas:**

Post publikigo de mia akuzo kontraŭ N. Stepanov pro ties senbaza kalumnio kontraŭ d-ro Zamenhof kaj la judoj, mi atendis rebaton de la koncernulo, por ekscii, ĉu li kapablas defendi sin. Ŝajnas, ke ĝis nun li ne emis reagi, sed mi ne atendis vane, ĉar anstataŭ la ruso elpaŝis bulgaro, Canko Murgin, por ludi la rolon de la „advokato" de Stepanov. Li prezentis preskaŭ du paĝojn da vortlaksa pledado, en kiu li tordis historiajn faktojn kaj misrezonis. En sia defenda proparolado la ĝisosta marksisto Murgin uzis la saman specon de falsa argumentado, kiu karakterizas liajn pli fruajn verkojn pri la pensmaniero de Zamenhof. Murgin volis kredigi, ke la ideologio de la aŭtoro de Esperanto rilate rekonstruon de la socio en la estonteco, akordis kun la principoj de socialismo-komunismo. El tio Murgin blufante tiris la konkludon, ke Zamenhof pentris bildon de la futura socio sub la inspira influo de komunismaj ideologoj Karlo Marks kaj Frederiko Engels. Tiun nocion kaj aliajn similajn Murgin surpaperigis en artikoloj publikigitaj en komunismaj Esperanto-publikigaĵoj kaj poste kolektitaj en broŝuro titolita *Progresemaj momentoj en la ideologio de L. L. Zamenhof* (1985). Ĉar la asertoj de Murgin estis tiel troigaj kaj fantaziaj, aliaj marksistoj-esperantistoj kiel Detlev Blanke rifuzis akcepti ilin.

Pro la lastatempa eklipso de marksismo, la mensaj akrobataĵoj de Murgin aperas eĉ pli ridindaj kaj apenaŭ povas havi intereson por legantoj hodiaŭ. Ne plu povante mistifiki per sia marksisma misinterpretado de la vivo de Zamenhof, Murgin nun falsas la historion per kreado en sia febra menso de ankoraŭ unu malvera bildo de Zamenhof.

**Murgin mensogas**

Murgin skribas: „Zamenhof zorgeme kaŝis sian judecon. Nur dufoje li konfidis al amikoj (1901, 1905) sian judan devenon." Murgin malice mensogas! Prof. Waringhien en la „Enkonduko" de la libro *La kaŝita vivo de Zamenhof* de N. Z. Maimon (1978) kategorie neas, ke Zamenhof kaŝis sian devenon. Iu ajn, kiu konas la historiajn dokumentojn pri la vivo de Zamenhof, povas facile apogi la eldiron de Waringhien. Jen kelkaj nekontesteblaj donitaĵoj, jam publikigitaj leteroj skribitaj de Zamenhof mem.

En 1889 Zamenhof skribis al Vladimir Majnov: „Mi estas nek katoliko nek Luterano - mi estas hebreo." En letero sendita

---

**Teknika atentigo**

La reagon de D. Broadribb al la diskuto pri antisemitismo mi ricevis kiel tekston klare, presprete tajpitan per komputilo. Por ŝpari laboron, tempon kaj koston de rekompostado, mi simple uzas ĝin kiel originalon por presado. Tion jam plurfoje mi faris en IĴ. Tamen ofte tiaj prespretaj tekstoj alvenas - kiel tiu ĉi de Broadribb - en formo nekutima en IĴ. Mi do atentigas tiujn, kiuj povas sendi prespretajn tekstojn, laŭeble aranĝi ilin en la konvena maniero, do ekz. en larĝeco de la kolumnoj de IĴ. Tio ordinare ne estas problemo.

Stefan Maul
redaktoro de IĴ

---

al Alfred Michaux en 1905 la aŭtoro de Esperanto klarigis sian devenon jene: „Mi neniam kaŝis mian hebreecon kaj ĉiuj esperantistoj tion ĉi scias..." Ĉe la fino de tiu ĉi letero li ripetis la samon en aliaj vortoj: „... *kaŝi* mian naciecon mi tute ne deziras; kaj se Vi parolas pri mia nacieco, volu diri, ke mi nomas min Ruslanda *hebreo.*" La emfazoj estas de Zamenhof. Rimarku ankaŭ, ke li uzas la esprimon „Ruslanda hebreo", ne „Rusa hebreo".
La samaj vortoj eĥiĝas en poŝtkarto sendita al Theodor Ĉejka en 1906: „Mi naskiĝis en Białystok, 3/15 XII 1859; nacio - Ruslanda hebreo." Estante en Anglio en 1907 okaze de la Tria Universala Kongreso, Zamenhof estis intervjuita en Londono de Izidoro Harris, la redaktoro de *Jewish Chronicle* (Juda Kroniko). Sur pluraj paĝoj de tiu raportaĵo Zamenhof respondis demandojn pri sia genta deveno kaj ankaŭ informis pri aliaj judaj esperantistoj. En 1909 Carlo Bourlet ricevis leteron de Zamenhof kun la sekva frazo: „.... la lando [Hispanio], se mi ne eraras, estas fervore *katolika* kaj mi estas ... hebreo; tial mi tre timas, ke grandaj honoroj farataj al hebreo faros en tiu lando malbonan impreson, tiom pli, ke ni povas antaŭvidi kun certeco, ke la Beaufront-Couturata kompanio faros ĉion, kion ĝi povos, por inciti la katolikajn sentojn de la lando."
La plej elokventa klarigo aperis en letero sendita al Loka Kongresa Komitato en 1912, kiam la Universala Kongreso okazis en Krakovo: „.... mi estas hebreo ... ne nomu min „polo" por ke oni ne diru ke mi - por akcepti honorojn - metis sur min maskon de popolo, al kiu mi ne apartenas." Du jarojn pli poste Zamenhof sendis leteron en 1914 al Harold Bolinbroke Mudie kaj skribis: „Mi petas Vin, ne forgesu averti la Biblian Societon, ke mi estas HEBREO..."
Kial, do, Murign la mensogulo aŭdace deklaris, ke Zamenhof

## REAGE AL LA LETERO DE BERNARD GOLDEN

Min mirigis legi la leteron de Bernard Golden en *IĴ* 1/93, ĉar al mi ŝajnas ke temas pri vipado de mortinta ĉevalo[1]. Sed ĉar li volas reaktivigi la diskuton, jen konciza prezento de la situacio laŭ mia vidpunkto:
En *The Australian Esperantist* marto-aprilo 1991 aperis dupaĝa artikolo "Ĉu Zamenhof estis pola kuracisto" de Bernard Golden. La ĉeftemon li prezentis tiel: "Nun venas la tikla punkto. Ĉu eblas dokumenti la apartenecon de Zamenhof al la pola gento?" I.a. li diris "...Estas evidente, do, ke Zamenhof naskiĝis judo (fotografaĵo de la originala naskiĝatesto pruvas tion[2]). Kiel loĝanto de la urbo Bjalistoko kaj poste Varsovio, li fariĝis pollandano sed oficiale li estis regato de la cara registaro de la Rusia Imperio. Por ke ne estu ia ajn demando pri la genta aparteneco de Zamenhof, oni legu la publikigitajn transskribojn kaj tradukojn de oficialaj ruslingvaj dokumentoj kaj leteroj, identigantaj Zamenhof kiel judon."
Ĉe la fino de la artikolo mi aldonis piednoton: "Noto de la redaktoro: Zamenhof, kiel Einstein kaj Freud, fieris pri sia judeco. Oni trovas belan priskribon en Edmond Privat *La Vivo de Zamenhof*, ĉapitroj 1-2."
En la novembro-decembra 1991 numero de *The Australian Esperantist* mi aperigis artikolon proksimume samlongan en la rubriko "Retrokomente" kun indiko "Parolas N.P. Stepanov (Moskvo)" kaj kun enkonduka alineo: "Reage al la artikolo de Bernard Golden: *Ĉu Zamenhof estis pola kuracisto"*.
En la unua alineo de sia artikolo Stepanov diris: "Certe, kaj sendube, L. Zamenhof estis judo laŭ naskiĝo, tamen lia naskiĝloko estis Pollando (do pro tio oni povas lin nomi polo), kiu tiam estis parto de la konsisto de Rusio, aŭ la Rusia Imperio (do li ankaŭ estis rusiano)." La plej granda parto de la artikolo estas dediĉita al demando ĉu estas dezirinde nomi Zamenhofon ruso anstataŭ polo. (Stepanov diras ke propra prefero estas nomi lin "varsovia okulisto" aŭ "varsovia kuracisto.) En sia artikolo Stepanov ja verkis la fraz(er)ojn cititajn de Bernard Golden; ĉu Golden ĝuste komprenis ilin en ilia kunteksto devos diri Stepanov.
Post tio Golden sendis al mi artikolon, kiu atingis min en junio 1992, kontraŭ la artikolo de Stepanov. Mi resendis ĝin al li kun la komento ke "Mi konas neniun en Aŭstralio kiu dubas aŭ volas kaŝi la judecon de la kreinto de Esperanto, kaj en Aŭstralio tia diskuto ŝajnas iom stranga. Mi aperigis vian artikolon, kaj la respondon senditan de Stepanov, kaj opiniis—ankoraŭ nun opinias—ke pli da diskutado tiutema ne valoras por niaj legantoj. Aŭstraliana judo ofendiĝus se menciante ĉi ties verkon vi ŝajne senkaŭze dirus ke "tio estis verko de la judo J.B. Cohen" (aŭ alia nomo). Al aŭstraliano tia speciala mencio ŝajnas antisemita."
*The Australian Esperantist* (nun nomata *Esperanto sub la Suda Kruco*) estas legata kaj abonata preskaŭ senescepte de Aŭstralazianoj. Kiel redaktoro, mi devas elekti inter tre granda nombro da artikoloj sendataj al mi, por aperigi tiujn kiuj estos plej interesaj al, kaj valoraj por, niaj legantoj. Multaj artikoloj kiuj taŭgas en la eŭropa medio ne havas aktualan signifon en la aŭstralia etoso. Por-aŭ kontraŭ-semitismo estas, feliĉige, temo ne aktuala en nia multkultura kontinento-nacio en kiu kunloĝas pace granda nombro da islamanoj, judoj, kaj homoj ĉiugentaj. Ke eŭropanoj ofte ne komprenas la karakteron de nia "izolita" socio ne mirigas, ĉar por ni estas tre malfacile kompreni la disputojn kaj sociajn maltrankvilaĵojn eŭropajn.
Rilate al la artikoloj de Golden kaj Stepanov, mi plu opinias ke ĉar mi aperigis unufoje ambaŭ vidpunktojn, ne necesas daŭrigi ilian interdisputadon sur la paĝoj de nia aŭstralazia gazeto.

Donald Broadribb
Bakers Hill WA
Aŭstralio

[1] Proverba esprimo: = pridisputi jam delonge ne aktualan temon.
[2] Ŝajnas tre strange al mi ke naskiĝatesto surhavus la religion aŭ "genton" de la naskiĝinto; tian kutimon ni tute ne havas ĉi tie. Sed eŭropanoj ofte tre strange pensas.

kaŝis sian judecon? Unu el la argument-taktikoj de Murgin estas preteratento de faktoj, kiuj ne apogas liajn falsajn asertojn. En sia artikolo en IĴ li ne menciis la veran kaŭzon de prisilentado de la genta aparteneco de Zamenhof. Tamen, la kialoj estas konataj.

**Kiuj respondecis pri kaŝado de la judeco de Zamenhof?**

En okcidenta Eŭropo dum la periodo antaŭ la unua mondmilito, agadis por kaŝi la judecon de Zamenhof gvidantoj de la franca Esperanto-movado kun katoliko Louis de Beaufront ĉekape. En 1905 d-ro Javal, kiu mem estis judo, avertis Zamenhof pri la sinteno de katolikoj kaj ateistoj en Francio. En postaj jardekoj la sama sekreteco karakterizis la hungaran Esperanto-movadon. Prof. Waringhien atentigis, ekzemple, ke la eldonisto de *Enciklopedio de Esperanto* en 1933 zorge eliminis informojn pri la judeco de Zamenhof en tiu verko. Polaj esperantistoj same evitis la temon. Tipa ekzemplo estas artikolo de Kazimierz K. Domoslawski pri la historio kaj politika fono de Esperanto, kiu aperis en *Nica Literatura Revuo* en 1961. La aŭtoro pritraktis la pasintaĵon de la lando kaj lokoj, en kiuj Zamenhof vivis kaj nomis ilian etnan loĝantaron, sed eĉ unu vorton li ne diris pri judoj, kvankam en Bjalistoko ili estis la plimulto!

Nuntempe nova ondo da kalumnio kaj misfamado kontraŭ Zamenhof venas de rusaj esperantistoj. Mi akuzis Stepanov pri falsado, ĉar li asertis, sen iuj atestaĵoj, ke ŝajnas, ke d-ro Zamenhof kaj lia patro Marko estis judoj baptitaj en la ortodoksia eklezio. Antaŭ nelonge mi ricevis leteron de samlandano de Stepanov, kiu same volis disvastigi la kontraŭveraĵon, ke la Zamenhof-familio apartenis al la rusa ortodoksia eklezio. Se ili insistas, ke Zamenhof estis baptita kristano, kial ili ne alportas dokumentan pruvon? La respondo estas evidenta: tia atestaĵo ne ekzistas. Male, ĉiuj haveblaj oficialaj dokumentoj afirmas sen ombro da dubo, ke Zamenhof kaj liaj familianoj estis judoj.

Zamenhof envenis en la mondon kaj eliris el la mondo judo. Kun la jida nomo Lejzer li estis enskribita en 1859 en la naskiĝ-registro (p. 24, n-ro 47) de la juda komunumo de Bjalistoko. En 1914 li estis enterigita en la juda tombejo de Varsovio apud Okopowa Strato. La diservon faris la ĉefrabeno, d-ro S. A. Poznanski, predikanto de la varsovia sinagogo. En judaj tombejoj oni enterigas judojn, ne ortodoksi-eklezianojn. La kolektaĵo de fontodokumentoj, *Halina Dokumento pri la studentaj jaroj de L. L. Zamenhof* (1977), kompilita de Halina Edelbaum el Varsovio antaŭ la dua mondmilito, enhavas kopiojn kaj tradukojn de oficialaj ruslingvaj dokumentoj, en kiuj estas menciite, ke Lazar Zamenhof estas de la „hebrea konfesio". Dokumentoj de la varsovia gimnazio indikas, ke Zamenhof, estante judo, estis liberigita de la devo frekventi klasojn pri „Dia Leĝo".

Ankaŭ malvera estas la argumento prezentita de mia rusa korespondanto, ke Zamenhof devis fariĝi kristano por povi frekventi gimnazion kaj universitaton kaj poste libere vojaĝi kaj loĝi en aliaj urboj de la Rusa Imperio. Unue, Zamenhof ne devis ŝanĝi sian religion por esti akceptita en du gimnazioj kaj du universitatoj, ĉar liaj notoj estis eminentaj. Poste, kiel kuracisto, li havis la rajton loĝi ie ajn en la Rusa Imperio, ĉar judoj praktikantaj tiun profesion ne estis devigataj resti en la t. n. juda Loĝolando.

**Murgin mismkomprenas**

Murgin estas senespere konfuzita pri la sinsekvo de individuaj nomoj de d-ro Zamenhof. Ĉe la fino de sia artikolo li demandas, kiam kaj kiel aperis la nomo *Ludoviko.* Por erudi lin mi prezentos ĉi-sube en kronologia ordo informojn, kiujn li bezonas enkapigi.

Efektive, estas facile informiĝi pri la diversaj nomvariaĵoj, kiujn uzis d-ro Zamenhof, ĉar la donitaĵoj troviĝas en dokumentoj. La plej gravaj estas la fotografaĵo de la koncerna paĝo de la naskiĝ-registro kaj la kopioj de oficialaj ruslingvaj gimnaziaj kaj universitataj dokumentoj kaj leteroj troveblaj en *Halina Dokumento.*

Kiam naskiĝis la unua filo de Mordeĥai Zamenhof, li donis al li du nomojn, Eliezer, la tradician hebrean nomon, uzatan nur por religiaj celoj, kaj Lejzer, la jidan formon de Eliezer, kiu estis oficiala nomo, ĉar ĝi estis enskribita en la naskiĝ-registro. En 1874, kiam la dekkvar-jara junulo eniris la Varsovian Duan Viran Gimnazion, li estis enskribita kiel Lejzer. En postaj jaroj la gimnaziano ekuzis la nomon Lazar, kiu estas la rusa ekvivalento de Eliezer, sed tiu uzo ne estis ekskluziva. Klekfoje la nomo Lejzer reaperas, do Lazar tiutempe ne forpuŝis Lejzer. Kiel studento en la Imperiaj Universitatoj de Moskvo kaj Varsovio (1879 - 1885) nur la nomo Lazar troviĝas sur dokumentoj.

Ekde 1979 komencas aperi la nomformo Lazar Markoviĉ Zamenhof laŭ la rusa kutimo kun indiko de la patronomo. Variaĵo estas Motelev Zamenhof, en kiu Motel estas la jida karesnomo de Mordeĥai, la hebrea nomo de la patro, al kiu estis aldonita la rusa sufikso -ev, signifanta „filo de". Lazar estis uzata ankoraŭ en 1888 sur petskribo por eldono de Esperanta gazeto. En 1889 Zamenhof sendis poŝtkarton al Vladimir Majnov kaj skribis, ke lia plena nomo estas Ludvigo Lazaro kaj aldonis kiril-litere „Ljudovik Markoviĉ Zamenhof".

Tiutempe li komencis uzi Ludoviko, sed ankoraŭ restis Lazaro. En 1904 en anglalingva

artikolo presita en *The Independent* (La Sendependa) aperas la aŭtornomo Lazaro Ludiviko [tiele!] Zamenhof. Kiam en 1909 Zamenhof ricevis la francan ordenon de la Honora Legio, li subskribis la kvitancon franclingve kiel Zamenhof Lazare Louis. Pli ofte Zamenhof uzis nur inicialojn, jen L. Zamenhof, jen L. L. Zamenhof, pli malofte L. M. Zamenhof.

Estas videble, do, ke al Murgin mankas fidindaj informoj pri la personaj nomoj de Zamenhof. Zamenhof ne anstataŭigis la nomon Lazaro per Ludoviko sed uzis ambaŭ nomojn por diversaj celoj. En neformalaj sociaj situacioj, precipe kun ne-judoj, li preferis la nomon Ludoviko aŭ Lutwik, kiu estas la pola formo. Estis aliaj esperantistoj, kiuj insistis pri la uzo de Ludoviko. Verdire, Ludoviko estis arbitre elektita nomo, tute ne oficiala, do ŝanĝebla aŭ forigebla iam ajn laŭ la deziro de Zamenhof.

**Murgin misinterpretas**

Murgin argumentas nelogike, skribante, ke pro uzo de la rusa lingvo en la hejmo de Zamenhof kaj en la gimnazioj kaj universitatoj, kiujn li frekventis, estas eble nomi lin „rusa kuracisto". Sammaniere, pro naskiĝo en Bjalistoko kaj aŭskultado de la pola surstrate en Varsovio, Zamenhof fariĝis „pola kuracisto". Fine, ĉar Zamenhof menciis Litovujon en parolado, oni povas nomi lin „litova kuracisto". Kia enorma absurdaĵo! Kia misformita interpreto! Tiu firezonado similas al la falsa argumentado de Murgin en liaj antaŭaj artikoloj, kiam li provis demonstri, ke Zamenhof estis klasbatalanto, kies mondrigardo estis formita surbaze de la ideologio de socialismo-komunismo.

Zamenhof neniam nomis sin rusa kuracisto. Waringhien informas, ke estis Louis de Beaufront, kiu en 1892 prezentis Zamenhof kiel rusan kuraciston. Dek unu jarojn poste Couturat kaj Leau en sia *Histoire de la langue universelle* ripetis la saman eraron: „médicin russe". Male, en la intervjuo publikigita en *Jewish Chronicle* en 1907, troviĝas la sola ĝusta esprimo - nek rusa nek pola, nek litova sed „hebrea kuracisto".

Se oni zorge trakribras verkojn en Esperanto, estas eble trovi aliajn klarvidajn homojn, kiuj uzas la ĝustan esprimon. Jen tri ekezemploj. En 1977 Edo Bernasconi (pseŭdonimo de Tazio Carlevaro) skribis „okulkuracisto juda" kaj „juna juda okulisto". Ankaŭ Nikola Aleksiev en artikolo en *Bulgara Esperantisto* en 1988 menciis „juda okulkuracisto". En la nun redaktata *Manlibro pri Politiko*, Stefan Maul nomas Zamenhof „juda kuracisto".

**Murgin misinformas**

Post harfendado kaj ĉikanado pri signifoj de vortoj - ĉu Stepanov estas aŭ ne estas antisemito - Murgin skribas: „La redaktoro [de *The Australian Esperantist*] ricevis materialon en Esperanto de N. Stepanov, legis kaj aprobis ĝin kaj sekvis aperigo." Murgin obstine persistas en sia erara pensado pri la kialo, kiun havis la redaktoro por ne publikigi mian rebat-artikolon. Broadribb ne diris, ke mia kritiko de Stepanov kiel antisemito estas falsa. Li skribis, ke li konas neniun en Aŭstralio, kiu dubas aŭ volas kaŝi la judecon de Zamenhof, kaj aldonis, ke en Aŭstralio tia diskuto ŝajnas iom stranga, kaj post aperigo de mia artikolo kaj tiu de Stepanov, li opinias, ke pli da diskutado tiuteme ne valoras por legantoj de la revuo. Kontraŭe al la imagita elcerbaĵo de Murgin, la redaktoro ne „ĵetis paper-korben" mian „maldecan tekston" sed resendis ĝin al mi por publikigo en alia periodaĵo.

**„Advokato" Murgin mispaŝas denove**

En la lasta alineo de sia artikolo, Murgin ankoraŭfoje vestis sin per la talaro de advokato por provi defendi la mensmalsanan malesperantiston Petro Stojan. Kia farso! Murgin skribas: „la kontribuo de Petro Stojan al la internacia E-movado estas *monde* konata. Li ne meritas klaĉon, riproĉon, ofendon, nepruvite lanĉitajn." Por ke Murgin estu pli bone informita pri Petro Stojan, mi prezentos objektivajn pruvojn pri lia perfida agado malantaŭ la kulisoj de la Esperanto-movado. Dum la tempo, kiam Stojan nomis sin esperantisto kaj estis salajrata dungito de UEA en Ĝenevo, li kaŝe, inside kaj malhoneste laboris super pluraj proponoj por reformi Esperanton kaj ankaŭ kreis novajn planlingvajn projektojn. Liaj manuskriptoj kaj publikigaĵoj estis subskribitaj per deko da diversaj pseŭdonimoj. En sia *Bibliografio de Internacia Lingvo* Stojan referencis tiujn verkojn laŭ la pseŭdonimoj sed ne rivelis, ke li estas la vera aŭtoro.

La fakto, ke Stojan estis mense malsana dum la lastaj jaroj de sia vivo, estis konfirmita en leteroj, kiujn mi ricevis de prof. Gaston Waringhien, d-ro William Solzbacher kaj Raymond Fiquet el Nico en suda Francio. S-ro Fiquet priskribis la psike perturbitan staton de Stojan, antaŭ ol li droniĝis sin en rivereto apud Nico. Publikigaĵoj kaj manuskriptoj senditaj de Stojan al Waringhien kaj Solzbacher havas atestaĵojn, ke Stojan estis antisemito kaj kalumniis kelkajn konatajn esperantistojn, ĉar li kredis, ke ili persekutas lin.

**Konkludo**

Estas ja evidente, ke Murgin havas nur supraĵan scion pri la vera vivhistorio de d-ro Zamenhof. Sekve, estas konsilinde, ke li bridu sian manion kaj ne plu makulu la reputacion de Esperantaj publikigaĵoj per neprofundaj, mankhavaj kaj riproĉendaj pritraktoj de temoj, pri kiuj li neniel estas kvalifikita diskuti. For la falsadon de la historio! For la murginismon!

## REVUO de revuoj

EVENTOJ
Internacia Sendependa Gazeto pri la Esperanto-Movado
en sia n-ro 29/93 aperigis suplementon kun Adresaro de la Esperanto-Gazetaro, 1993. Ĝi estas eltiraĵo el la datumbanko de l' eldonejo de *Eventoj*, LINGVO-Studio. Fakte temas pri la poŝtadresoj de la redakcioj. Ĝi estas havebla kontraŭ 4 respondkuponoj (por landoj B laŭ la UK-aliĝilo: 2 IRK) ĉe la adreso pk. 87, H-1675 Budapest, Hungario. *Eventoj* atentigas, ke pli detalaj informoj troveblos en aperonta jarlibreto de TEĴA.

LA ESPERO
organo de Sveda Esperanto-Federacio
havas novan redaktoron: Leif NORDENSTORM, kiu redaktis ĝin de 1989, transdonis la postenon al Per Aarne FRITZON. En n-ro 1/93 aperas interesa artikolo de B. GOLDEN pri la erara uzado de la vorto „fotografo".

SAT-AMIKARO
revuo por franclingvaj SAT-anoj, en sia nacilingva suplemento de majo 1993 aperigis detalan artikolon pri TEĴA.

ESPERANTO SUB LA SUDA STELO
organo de Aŭstralia kaj Nov-Zelanda E-Asocioj
en n-ro 2/93 aperigas artikolon de John MILLS pri „La stranga afero de enfluoridigo". Enkonduke li skribas: „Unu el la bonaĵoj de Esperanto estas ke oni povas legi eldonaĵojn el aliaj landoj kaj tiel sciiĝi pri okazaĵoj, ideoj kaj opinioj kiuj ne aperas en aŭstraliaj ĵurnaloj. Antaŭ unu-du jaroj mi legis en *Monato* leteron kiu forte kritikis la enfluoridigon de trinkakvo." Instigite de tio li esploris la aferon en Aŭstralio kaj venis al konkludo, ke la oficiala prezento de la afero en la lando estas erariga.
Jen interesa ekzemplo de efikado de E-ĵurnalismo.

LA ETA GAZETO
organo de Triesta E-Asocio
en n-ro 5/93 aperigas artikolon pri la problemoj de komercado inter orienta kaj okcidenta Eŭropo kaj la iniciato de triestaj esperantistoj, plibonigi la situacion helpe de Esperanto. El tio rezultis ankaŭ ĵus aperinta „Manlibro por Agentoj" (prezo 10 EKU-oj; adreso: Triesta Esperanto-Asocio, P.K. 601, I-34100 Trieste Centro, Italio).

HELIANTO
estas la nomo de nova E-revuo aperanta en Ukrainio. Adreso: ab. kesto 165, UA-525001 Kievo-1, Ukrainio.

HEROLDO DE ESPERANTO
La Internacia Sendependa Gazeto de la Esperanto-Movado
Partoprenontojn de l' UK en Valencio eble interesos legi detalan historian artikolon pri Valencio de Bernard GOLDEN en n-ro 4-5/93 de HdE.

SENNACIULO
Oficiala organo de SAT
dediĉas plurajn paĝojn de n-ro 5/93 al la situacio en eksa Jugoslavio kaj la milito en Bosnio. Longa artikolo tiutema aperis ankaŭ en n-ro 4/93.

MONATO
internacia magazino sendependa
en n-ro 5/93 lanĉas - komune kun SAT-Amikaro - peticion „por la rajtoj de la venontaj generacioj", iniciatitan de Skipo Cousteau. La peticio kun alvoko kaj adresoj por resendi kaj spaco por kolektotaj subskriboj aperas sur la 2a kovrila paĝo. Oni povas ricevi ankaŭ fotokopiojn ĉe Flandra Esperanto-Ligo (Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio) kontraŭ 1 internacia respondkupono por unu kopio aŭ tri kuponoj por 10 kopioj.

## PERSONE

**Jukka PIETILÄINEN**, TEĴA-membro, diplomiĝis en junio en universitato de Tampere (Finnlando). Lia ĉefa fako estis ĵurnalismo kaj amaskomunikado. Lia diplomverko „Ŝanĝiĝo de ĵurnalisma doktrino en Sovetunio/Ruslando" estis akceptita kun bona noto „Magna cum laude approbatur" (grandlaŭde aprobita). Pro malbona laborsituacio de ĵurnalistoj en Finnlando li estas momente senlabora, tamen li redaktas revuojn *Esperantolethi* kaj *Norda Prismo* kaj planas verki por kelkaj aliaj E-gazetoj. TEĴA gratulas pro la diplomiĝo!

**Davor GRGAT**, estrarano de TEĴA, dankas al ĉiuj, individuoj kaj organizaĵoj, kiuj malavare helpis lin por pagi necesajn operaciojn (kiuj intertempe pasis sukcese) kaj vivteni sin kaj sian familion en Split, Kroatio. Same li dankas al tiuj, kiuj konsolis lin letere. Kiel repagi al ili, li demandas, kaj proponas al ili somerumi en Dalmatio, kie li povas oferti favorprezan libertempon.

**Ionel ONET**, TEĴA-membro en Usono, gajnis merit-premion en anglalingva poezia konkurso per poemo „Declaration" (deklaro). Ni gratulas!

**Andrzej PETTYN**, Pola Radio - E-Redakcio, pretigis ampleksan pollingvan artikolon pri Zamenhof kaj lia verko lige kun la mortodatreveno de la kreinto de Esperanto. La tekston oni aŭdigis en la ĉeĥa, bjelorusa, litova, germana lingvoj kaj en la pola - por polaj loĝantoj eksterlande. La Litova Redakcio de Pola Radio faris kun li krome intervjuon pri la ligoj de Zamenhof kun Litovio kaj pri la pola-litova kunlaboro pere de Esperanto, i. a. en la sfero de turismo.